# Amikeco

Monata gazeto de la
Internacia Esperantista Kolektanto-Klubo,
Sekcio de Migrantaj Poŝtkartoj,
Internacia Klubo de Esperantistaj Filatelistoj.
Prezidanto: J o s e f G r o e b e l ,
Administrado: Koblenz am Rhein, Eltzerhofstr.5
Poŝtĉekkonto: Köln 37957

N-ro.5 Majo 1926 3.jaro.

R E P R E Z E N T A N T O J .

Argentino. Buenos Aires, Belgrano 825, sinjoro Miguel, E. Castaneda.
Aŭstrujo. Wien XII, Erlgasse 38,II/25, sinjoro Alfred Heuer.
Britujo, London N.4, 64 St.Thomasroad, sinjoro Levinstone Jenkins.
Ĉeĥoslovakujo. Aussig a.d.Elbe,Teplitzerstr.26 sinjoro Ing. Otto Schwarz.
Francujo. Wattrelos [Nord], 286 rue de l'Union sinjoro Emile Boone.
Hungarujo. Budapest VIII, Madachstr n-r 43 / 5 sinjoro Johano Sturm.
Jugoslavujo. Koprivnica, ulica Lenisce,sinjoro Franjo Sifkorn.
Litovujo. Zadavainiai, Daugailiai,s-ro A.Kuosa
Nederlando. Utrecht,Weerdzingel WZ56, GHW.Cotê
Persujo. Sultanabad, sinjoro R. Taheri.
Polujo. Boryslaw, polujo potok dolny, Dom de Premier, sinjoro W. Wrobel.
Rumanujo. Alba-Julia, str. Dorobantilor n-r 19 sinjoro Aleksandru Fridii.
Svedujo. Göteborg. Sveda Esp. Lab. Förbundet, sinjoro Einar Adamson.

*

N I S E R Ĉ A S
en ĉiuj nenomitaj landoj
R E P R E Z E N T A N T O J N.

## INTERNACIA KUNIĜO DE LA FILATELISTAJ ORGANIZACIOJ.

La faritaj proponoj en Haag 1924 estas daŭrigitaj de la „Bund Deutscher Phil. Verb. des In- und Auslandes Berlin" kaj rezultis provizoran regularon. La nomo devas esti „Union philatelique universelle." La regularo enhavas 8 artiklojn kaj 3 konfirmojn kaj nepre estas diskutebla, sed io estas ne komprenebla. Kial internacia filatelista organizacio portas francan titolon? Ĉu la „Bund Deutscher Phil. Verb." ne jam aŭdis ion pri Esperanto? Kial do ne diri „Universala filatelista Asocio"? Ĉu la fondota U.ph.univ. povas ankaŭ mendi proksimume 20-25 interpretistojn okaze de siaj ĝeneralkunvenoj? kiel la Ligo de Nacioj?

La prezidanto de la AMIKECO jam sendis proteston rilate al tiu-ĉi simpla aĵo de la nomita unuiĝo al ties administracio. Je respondo oni devas esti scivola.

*

## P O L U S O P O Ŝ T O.

Kiam antaŭ sep jaroj nordpoluseekspedicio de Amundsen estis entreprenota, estis multe da personoj, kiuj volis fari specialan plezuron, sendi al siaj konatuloj, parencoj aŭ eĉ al si mem, poŝtaĵojn, kiuj estis venontaj de la norda poluso. La ĉarmo de tiaj kartoj, kiel oni esperis, la unuaj, kiuj atingis la nordpoluson, se oni estis alvenonta tien, verŝajne estas tre granda. Kvankam en la nordpoluso ne ekzistas poŝtofico, do per stampilo senkontraŭdire estus pruvita, ke la sendaĵoj vere estus venintaj el la nordpoluso.

La ekspedicio tiam kunprenis multe da poŝtaĵoj kiuj estis resendotaj per tiu ne kutima pero al la skribita adreso.

Tiuj-ĉi kartoj nun, t.e. 7½ jarojn pli malfrue alvenis al la ĝusta ejo. Ili ne atingis la

nordpoluson, sed portas la maloftan stampilon „Polhavet"-polusa maro de la plej norda poŝtstacio kaj en la stampilo la bildon de la veturilo, kiu venkis tiom da aventuroj, penoj kaj laboroj. Je proporcio al la amaso de kolektantoj, tiuj-ĉi kartoj estas grandaj maloftaĵoj precipe ĉar nur malmulte da personoj sciiĝ'is pri tia ne kutima forsendmaniero, kaj ankaŭ la daŭreco de pli ol sep jaroj donas al tiuj-ĉi sendaĵoj strangan karakteron. Poŝtaĵoj el la ujo de la ekbrilanta nordlumo.

*

La venontaj novaj markoj de Germanujo.

La 1 an de Aprilo okazis konferenco de ĉiuj oficialaj administracioj de la markeldono, inter aliaj la „Reichskunstwart". Oni evitis la proponitan eldonon de serioj kun kapoj. Estis decidate konsideri je venonta eldono nur reprezentaĵojn, laŭtempe.

La valoroj de 3-20 Pfg. portos bildojn de la estinta mezklaso kaj la mizero de la socialrentuloj. La valoroj de 25-45 montros la malriĉecon de la senlaboruloj kaj la valoroj de 50-80 la nefunkciadon de la komerco kaj arto.

La nunaj markoj kun ekstervidaĵoj estas anstataŭotaj per tialaj kun internaj vidaĵoj, ĉar kontraŭ la unuaj oni faris riproĉon, ke iki nur reprezentas kolekton de diversspecaj turoj.

La valuro de 1ℳ montros la „Villa Dorten" kiel perlon je Rejno, la valoro de 2ℳ montras la faman „Löwenschloß" de München, [ Bavarujo ], la valoro de 3ℳ montros la bonkonatan „Reeperbahn" de Hamburg kaj la valoro de 5ℳ montros la palacon de la „Admiralität" en Berlin.

Espereble tiuj-ĉi novaj markoj estos farataj pli bele ol la nun novaperintaj flugpoŝtmarkoj.

V A R B U  N O V A J N  M E M B R O J N !

NOVA MEMBRO.

47. S-ro F. Ŝilha, oficisto en Luze n-o 250, u.Vys.Myta, Ĉeĥoslovakio, interŝ. unuavice belajn vidaĵkartojn nur kun specialaĵoj de ĉiuj landoj, poste pm. de ĉiuj landoj [kun Eŭropanoj nur post antaŭa interkonsento] rekomendite; plu esperantaĵojn kaj leterojn pri sociaj kaj progresemaj temoj. Respondas akurate kaj nepre. SONĜAS pri ideala familio de seriozaj kolektantoj, sendantaj ĉiam nur specialaĵojn de sia tuta lando kaj ne nur 1 urbo.



KIU KUNAGAS?

En diversaj landoj mi serĉas fotografojn.[ankaŭ amatoraĵn], kiuj interŝanĝ'as aktualajn vidaĵojn kun malgrandaj raportoj publikigotajn en il. revuoj. Proponoj sub 23 al la administracio.

El multaj landoj mankas al mi ankoraŭ vidaĵoj de montfervojoj. Bonvolu sendi ilin bfl. afrankitajn. Mi reciprokos laŭdezire. L .Funken, Delegito de UEA, Florinsmarkt 7a,I, Koblenz, Germanujo.

La sola populare scienca ĵurnalo...
Vere fundamenta lingvo...
Multaj ilustraĵoj...

INTERNACIA

RADIO

REVUO

Organo de la Internacia Radio Asocio.
Je nekredeble malalta prezo: ½ dolaro jare.
Postulu TUJ kontraŭ respondkupono specimene

40-PAĜAN NUMERON

Eldonejo:E.Chiron, 40 rue de Seine, Paris VI-e